


N-ro 51 1980/4 decembro 11a jaro

Redaktoro: R. Burmeister, DDR 9047 Karl-Marx-Stadt, W.-Firl. Str. 30

---

Lingwa Wahda ghad-Dinja Kollha.

—— o ——

★ ESPERANTO ★

—— o ——

Unu Lingvo por la Tuta Mondo.




**Malta 2 el Valletta**
John Vella Bondin sendis informon pri la nova E-stampo de Malta (Vidu ankaŭ nian informilon n-ro 50/p. 8) kaj nia Kurt Lindström disponigis fotokopiojn, kiuj ebligas prezenti tiun stampon bilde en nia informilo. La stampo tekstas:
XIV KONFERENZA INTERNAZZJONALI GHALLIEMA TA L ESPERANTO
25-7-80 VALLETTA MALTA
kaj ĝi montras la E-stelon. Stampilo funkciis nur dum inaugura tago, 25.7.80. Danke al la bedaurinde litotuka koverto ni ekscias, ke temas pri stampo okaze de la 14a Internacia Konferenco de I.L.E.I. 24.7. – 1.8.1980.
Rekomendindas ĉi-loke mencii, ke oni evitu, litotukajn konvertojn por fari memorigajn konvertojn, ĉar ili ne trovas lokon sur filatela albuma folio kaj plie: ili ĉiuj difektiĝas dum poŝta vojo. Katastrofa afero, ĉar ofte ne eblas postmendi tiujn stampojn pro ilia relativa rareco.

# Kluba informilo de ELF–AREK

## ELF: Esperanto Ligo Filatelista

## AREK: Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

---

## Niaj novaj stampoj

**HI 22 el Madrid**

Nia kluba amiko Emilio Folgado Lopez disponigis al la redaktoro la plej novan hispanan E-stampon. La poŝto ĝin uzis en Madrid kaj ĝi tekstas:
XL-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
21–24 JULIO – MADRID
Plie la stampo montras E-stelon kaj en ĝi staras urso apud arbo. Kiel kutime, la firmao ALFIL aperigis memorigan koverton. Krome, aperis ankaŭ denove t.n. maksimum-karto.







**POR 2 el Setubal**

Kurt Lindström informis pri ĉi nova portugala stampo kaj sendis originalon kaj reprodukteblan fotokopion pri ĝi. La stampo tekstas:
ASSOCIACAO PORTUGUESA DE ESPERANTO
SETUBAL CTT – 13.6.80
Helpe de la memoriga koverto ni ekscias, ke en urbo SETUBAL okazis 13–15a de junio 1980 la 8a Renkontiĝo de Portugalaj Esperantistoj.
Pri POR 1 Lindström kaj nia kluba amiko Terramoto informis, ke tiu stampo de Coimbra ne plus estas havebla.
Aldone Lindström sendis informon pri alumet-kajereto okaze de la Setubal – E-renkontiĝo.

**JU 26 el Rijeka**

Bedaurinde al la redaktoro venis nur neuzebla fotokopio pri tiu stampo, dank' al nia Kurt Lindström.
La stampo verŝajne estas uzita 18.7.1980 en Rijeka okaze de SAT-kongreso.







**AR 5 el San Luis**
Luis Vicino sendis informon pri tiu nova argentina E-stampo. La stampo tekstas:
1er CONGRESO PAN AMERICANO DE ESPERANTO
ARGENTINA – 57 00 SAN LUIS (SL) – 13 JULIO 1980
En la stampo estas videbla mapo pri la provinco San Luis kaj E-stelo.
Luis Vicino informis, ke li pretas sendi tiun stampon, sed nur kontraŭ maksimumkarto kun memoriga stampo pri la temo pentro-arto.
Jen la adreso: Luis Vicino, Castro Barros 1433, C.P. 1237, Buenos Aires, Argentino

**SVE 24 el Stockholm**
Multaj klubaj geamikoj sendis salutkartojn kaj leterojn el la 65a UK al la redaktoro. Detalojn ĉirkaŭ tiu stampo donas nro 32 (julio 1980) de "Postverkets Cirkular Filateli", informilo de sveda reĝa poŝto. Kelkajn por ni gravajn faktojn mi kuraĝis ĉerpi el tiu svedlingva informilo:
La poŝta giĉeto en la kongresejo apartenis al la poŝtkontoro 101 10 Stockholm. La stampilon oni uzis 2–9.8.80. La motivo en la stampo konsistas el la literoj U kaj K, kiuj estas aranĝitaj tiel, ke ili formas bildon pri la turo de la urbdomo de Stokholmo. Temas pri poŝta gumstampo "SR 1980:55".
El pluraj ricevitaj informoj eblas diveni, ke kongreseja poŝta giĉeto je la 2.8. publike ankoraŭ ne funkciis, tamen la je tiu tago enkestigitaj sendaĵoj ricevis stampon kun la dato de 2.8. Mi havas plurajn kun tiu dato.
La stampo havas la tekston:
65 A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
Laŭdire ne estis ebla, ekspedi registritajn sendaĵojn. Estas salutinde ke la poŝto rifuzis apliki komplezajn stampojn sur nekorekte afrankitaj kartoj.
La poŝtistoj bone laboris kaj donis nur senriproĉajn stampojn. Gratulon ankaŭ al la desegnisto de la stampo, eble esperantisto, ĉar tiu sama motivo ja unue aperis sur nia kongresa glumarko. La stampobanko ĉe Heimlich posedas stokon da.

**HU 70 denove el Abaliget**
Nia amiko Fekete disponigis al la redaktoro informojn pri ĉiuj E-stampoj hungaraj el la jaro 1980. Speciale li atentigis pri la ĉi-jara Abaligeta stampo. Tiu stampo denove portas la saman tekston kiel la pasintjara:
12-a INTERNACIA RENKONTO NATURAMIKA kaj same en la hungara.
Sed ja temis pri la 13a renkonto, kiu okazis 14–23.7.80.
Do, tiu stampo ne ricevas nron HU 76, sed ni ĝin registros sub numero HU 70 (reuzo).
Eble la organizintoj timis tiun malbenitan "13"?

**PO 120 el Bvdgoszcz**
Nia Stefan Bielak, ul. Nowotki 24 m. 19 PL-88-100 Inowroclaw informis pri plej juna pola stampo. Noto pri ĝi jam devus aperi en nia informilo n-ro 50, sed la koncerna artikoleto sin plene malaperigis el la presejo. Tutcerte ankaŭ ĉi-foje nia senlaca preskoboldo iaforme fuŝas en la informilo sed ni tion ignoru! Do denove: En la kadro de la "Tagoj de Bydgoŝ" okazis E-renkonto kaj organizintoj zorgis pri E-stampo. Tiu portas polan tekston:
V. MIEDZYN ARODOWE SPOTKANIE ESPERANCKIE
– BYDGOSZCZ 1 – 31.V.1980
En la stampomezo aperas la urba blazono (Urbmura pordego kun tri turoj).

**BU 11 el Plovdiv**
Petko Arnaudov en Pazardjik afable disponigis informojn pri ĝi: BU 11 estas poŝta ornama apudstampo kun teksto ĉirkaŭ terglobo:
40 JUBILEA KONGRESO DE BEA 12–14 VII 1980
/4000 PLOVDIV BULGARIO
Por nuligi la pm loka poŝtejo Plovdiv C uzis normalan datstampon kaj miaj ekzempleroj ĉiuj havas la daton 12.7.80–17 (a horo), tago k horo de kongresa malfermo.
Kompreneble, kiel kutime, ankaŭ ĉi-foje troveblas multaj fuŝe stampitaj: apudstampo nuligas pm k datstampo tute mankas. Tiel oni ekz. vendis ilin en kongresa giĉeto.
Ni menciu pri tiu landa kongreso, ke partoprenis 2300 Esperantistoj el Bulgario kaj gastoj el 17 landoj!!

**ITA 32 el Manfredonia**
Ni fidela kaj kunlaborema Germano Gimelli sciigis pri la apero de tiu ĉi stampo. La stampilon oni uzis 8.9.1980 okaze de la 51a itala Esperanto-kongreso okazinta de la 6a ĝis la 13a de septembro en la apudmara urbo Manfredonia. tute konkrete en la urbkvartalo apudmara Siponto (la greka malnova "Sipontum"). La stampo havas la italan tekston:
51. CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO
Ni dankas ankaŭ al Lindström kiu sendis fotokopion pri ĝi.






**ITA 33 el Lucca**

Per la sama letero Gimelli informis pri ITA 33. En Lucca okazis filatela ekspozicio kun partopreno de esperantistoj. La ekspozicia estraro mendis poŝtan stampilon kaj tiu havas la tekston:
MOSTRA FILATELICA ESPERANTISTA (Filatela elmontro esperantista)
En la stampo estas videbla E-stelo kaj katedralo. Uzita ĝi estas 28.9.1980. Geedzoj Gimelli ekspozis du ekspozaĵojn sub la temo: Filatelio kaj Esperanto en tiu ekspozicio. Germano Gimelli ricevis arĝentan medalon de Provinca Administracio kaj lia edzino same arĝentan medalon de la Komunumo de Lucca. Gratulon!

## La bildpoŝtkartoj de Dancigo

Nia kluba amiko Hirsch el Bad Hersfeld/FRG sukcesis elfosi multajn detalojn pri tiuj oficialaj poŝtaj tutaĵoj kaj faris pri ili tre ampleksan raporton al nia redaktoro. Tiu nun siavice transdonas al vi bildon pri la tuta afero.

La federacigermana "Michel-Tutaĵ-Katalogo" informas tiel:

1927, 15.7. Specialaj bildpoŝtkartoj okaze de la 19a Esperanto-Kongreso. Surpreso kaj bildo en la koloro de la valorstampo (surpresita pm) Dulingva en germana kaj Esperanto.

P 39 10 (pf.) verda
I – sendenta 60.– uzita aú neuzita
II – dentumita 100.– uzita aú neuzita
P 40 20 (pf.) ruĝa
I – sendenta 75.– uzita aú neuzita
II – dentumita 125.– uzita aú neuzita

P 39 I kaj II, kaj P 40 I kaj II en po 11 diversaj bildoj. La kartoj P 39 II kaj P 40 II ne estas presitaj en strioj sed en unuopaj pecoj. Por esti pli bone manipuleblaj en la skribmaŝinoj ili posedis sube kaj supre 2 cm larĝan perforitan (truetitan) randon. Pecoj kun tiu rando estas raraj. (150.–).

La bildoj estis uzataj ankaú por aliaj okazoj kaj la katalogo mencias entute 20 diversajn bildojn. Ili ne ĉiam komplete aperas sur la serioj P 31, 32, 38, 45, 50, 56 kaj 61. Tiuj serioj nin tute ne interesas, sed nur P 39 kaj P 40.Tiuj havas la tekston:
XIX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO,
DANZIG, 28. JULIO – 4. AUGUSTO 1927
kaj bildklarigojn en Esperanto. En la sekva listo mi ne citos la germanajn tekstojn. Katalogaj subnumeroj 07, 08, 09, 011 ne estis uzataj por la serioj P 39 kaj P 40, sekve ne ekzistas kun esperanta teksto.

La tekstoj sur la serioj P 39 kaj P 40:
01 Malnova muelejo
02 Pordego de l'gruo
03 Preĝejo de St. Maria
04 Urbdomo
05 Havena eniro
06 Kastelo kaj katedralo
07 ne ekzistas en serioj P 39 k 40
08 "
09 "
010 Marbordo
011 ne ekzistas
012 Preĝejo de St. Johano
013 Teknika altlernejo
014 Domo de l'parlamento
015 Placo de Winter kun Poŝt- kaj Telegrafdirekcio sekvas pliaj 5 subnumeroj, sed ne kun esperanta teksto.

Nun pri la valoro de la kartoj: Katalogaj prez-indikoj kaj aúkciaj prez-postuloj ofte estas diferencaj.

Plie estas tiel, ke eble 4 aú 5 Esperantofilatelistoj ŝatus akiri laúeble komplete tiujn du seriojn. Sed apud ili estas eble milo da (aú pli) "Danzig-Kolektantoj" kaj estas ili, kiuj sur la filatela merkato faras la prezojn. La prezo plie dependas de la peco mem. Se ĝi estas malpura, ŝirita aú aliel makulita, la prezo iras ege suben. Se temas pri bonege konservita peco, tiam prezo iras supren. Tiel oni ekzemple ofertis en aúkcia aktalogo la seriojn P 39 II kaj P 40 II kontraú po 350.– (la peco) gmk, kaj stampitaj eĉ kontraú 850.– gmk. Kompreneble tiuj pecoj posedis ambaú truetitajn randojn kaj estis en senriproĉa stato.

Do, por ni simpluloj la vojo al kompleta posedo de tiuj serioj restos barita, kaj, se ni jam ricevas de maljuna Esperantisto pecon, tiam ni lin rekompencu en ĝusta rilato. Kaj, se ni donas al alia amiko pecon, tiam ni ankaú postulu ne tro. Se vi posedas aú akirus unu aú du pecojn el tiuj serioj, tiam kontentiĝu. Komplete vi ne akiros tiun materialon, mi pensas. Tamen mi konas filateliston en mia urbo, kiu havas ĉion. Sed tio estas maloftaĵo.

## UTK

UTK signifas: Unuataga Koverto. La filatelistoj en ĉiuj landoj ĝin nomas: FDC. Jam antaú longa tempo okazis, ke nia kluba amikino sinjorino Anna-Greta Strönne afable disponigis al la redaktoro provizoran liston pri UTK de E-pm. Sed, bv. pardoni al mi, ĉiam mi flankenŝovis tiun aferon, ĉar iomete mi timis trakti tiun problemon. Tial, ĉar mi ne plene regas tiun aferon. Sed ĝenerale oni povas diri, ke eĉ tute normala koverto estas "unuataga koverto", se sur la pm estas poŝta datstampo de la eldontago.

Sed, ekzistas ankaú multaj vere poŝtoficialaj UTK por niaj E-pm. Krome, ekzistas multaj "UTK", kiuj ankaú havas la surpreson FDC, tamen ili ne estas poŝtoficialaj, sed eldonitaj de fitatelaj entreprenoj.

Inter ni estas fakulo pri tutaĵoj: Vladimir Vana. Lin ni petus, okupiĝi pri ĉi problemo kaj pretigi por ni fidindan liston pri poŝtoficialaj E-UTK. Certe sekvontjare vi trovos koncernan rezulton en nia informilo.

Tamen nun sendepende de fidinda listo pri poŝtoficialaj UTK kelkajn konsilojn por ekspozantoj en konkura klaso de filatelaj ekspozicioj: Plej ofte tiuj UTK ne respondas al la valida regularo por tiuj ekspozicioj! Se tiuj UTK ne estas adresitaj aú se ili eĉ estas adresitaj sed ne respondas al poŝta tarifo, tiam la ĵurio ricevas strabajn okulojn kaj notas minuspunktojn. Se vi do ne plene certas pri la ĝusta poŝta tarifo, tiam prefere elektu el via kolekto koverton aú karton kun la koncerna pm, adresita al iu, por via konkura ekspozaĵo.

Por nefilatelaj ekspozicioj kontraúe ni eĉ rekomendas neuzitajn UTK, ĉar ili laú nia opinio certe aspektas pli efikaj. Trankvile vi rajtas tiukaze bojkoti FIP-regularon.

En multaj lokoj estas tiel, ke filatelistoj kaj esperantistoj bonege kunlaboras kaj kiam la filatelistoj okazigas ekspoziciojn, ni esperantistoj estas bonvenaj kun niaj ekspozaĵoj. Eblus tiam, ekspozi en nekonkura klaso kaj tiam vi povas montri ankaú kontraú FIP-regulajn ekspozaĵojn. Kompreneble vi ne ricevus medalojn, sed la propaganda efiko estus bona. Tamen konkurpova ekspozaĵo havas ŝancojn, partopreni ankaú en pli kaj plej altrangaj ekspozicioj eĉ en eksterlando kaj tiel atentigi pri Esperanto.

### Noto pri F.I.P.-regularo

El letero de Luis Vicino al Kurt Lindström mi citas jenan por ni interesan aferon: Laú la nova F.I.P.regularo por filatelaj ekspozicioj ĉiuj kovertoj kaj poŝtkartoj en filatelaj ekspozaĵoj devas esti adresitaj kaj respondi al la poŝtaj tarifoj validaj.




## Poŝtaj E-tutaĵoj en Bulgario

Jam en nia informilo numero 43 ni atentigis pri du tutaĵoj el Bulgario, kaj poste ankaŭ la notita aserto de Gijvoje al Prodanscu montriĝis prava: ekzistas tutaĵo pri TEJO-kongreso en Tirnovo. Mi ricevis pecon el Sovetunio!

Kvankam niaj bulgaraj amikoj ankoraŭ ne informis pri tiuj tutaĵoj ni tamen kuraĝas aperigi notojn pri ili. Ili devus trovi lokon sub kategorio C, s.e. ekzistas katalogo pri bulgaraj tutaĵoj. Sed pri ties ekzisto ni ne havas informojn. Sentime ni povas utiligi tiujn tutaĵojn en niaj filatelaj ekspozaĵoj pri Esperanto por efike dokumenti eventojn en la Esperantomovado. Do, ni kuraĝas! Ekzistas:

| | | |
|---|---|---|
| 63a UK | poŝta konverto kun surpreso pri UK | (2 st.) |
| IPTEA | poŝta koverto kun surpreso | |
| TEJO-kgr Tirnovo | poŝta karto kun surpreso (sed ne kun enpresita E-pm) | |
| 40a BEA-kgr | poŝta karto kun surpreso | (5 st.) |
| 40a BEA-kgr | poŝta konverto kun surpreso | (5 st.) |

Sur la titola paĝo de numero 43 de nia informilo vi povas vidi tian tutaĵon, kaj se teknike eblas, ankaŭ sur la titola paĝo de tiu ĉi informilo. Aldone eble mi menciu, ke la nominalo de 5 stotinkoj validis por enlanda afranko, dum 63a UK ŝajne ankoraŭ sufiĉis 2 stotinkoj. Scii pri tiu detalo estas grava por ekspozantoj.

## Noto pri maksimum-kartoj

El sama letero mi citas jenan interesan punkton:
Bedaúrinde kelkaj ne konas kondiĉojn por maksimum-karto (m.k.). Tia maksimum karto konsistas el tri sam-motivaj elementoj:
poŝtkarto kun bildo de la marko
poŝtmarko sur la bildo de la pk
poŝtstampo, kiu rilatas al la pm
Tiel ekzemple la konata bildkarto kun la pm pri la svisa E-balono, stampita en Bern, ne estas m.k.
Se sur ĝi troviĝus la kongresa poŝtstampo el Luzern kun bildo pri la balono en la stampo, tiam ĝi estus m.k.



## Tamen ekzistas reko-kovertoj el 65a UK

Kvankam en la poŝta giĉeto de la kongresejo ne eblis ekspedi registritajn sendaĵojn, tamen ekzistas tiaj kun la kongresa stampo. Unu el niaj klubaj amikoj ricevis registritan koverton kun (ne-esperanta) rekomarko de Poŝtoficejo Stockholm 1 kaj stampita kun la kongresa stampo de 2.8.80.
Do, nepre ie funkciis poŝta stampilo dum 2.8. ĉar ankaú mi havas plurajn poŝtkartojn kun tiu dato.









MOSKVO 1980



Dum Internaciaj
Sport-renkontoj
interkompreniĝu per
ESPERANTO

**ANONCOJ**
Sinjorino Teresa Bellalta Cusso, French 3370, 5000 Cordoba, Argentino serĉas pm-seriojn pri olimpikaj ludoj kaj pri ŝipoj. Povas rekompenci per argentinaj serioj.

Guy Delaquaize, 52 rue Louis Gandillet, F-78420 Carrieres sur Seine
serĉas francajn poŝtajn tutaĵojn kaj povas rekompenci per francaj poŝtmarkoj.

Malta 2 sendas:
John Vella Bondin, "La espero", New Street off Qormi Road, St. Venera, Malta
1 ekzemplero kostas 2 validaj irk (maldekstre stampitaj de eldona poŝta agentejo, kaj ne pli aĝaj ol dujaraj.)

IFER-80-tutaĵon
vi povas akiri. Mi ripetas: Ekzistas nur 250 numerigitaj pecoj. Ili ĉiuj estas stampitaj, sekve ne eble akiri nestampitajn. Tiu ĉi oferto estas interesa nur por tutaĵ-kolektantoj, ĉar la IFER-80 stampon vi sur normala karto povas akiri je normala prezo pere de nia stampobanko.
Do, se vi havas intereson pri ĝi, sendu 5 IRK al sinjoro Günter Hamann, A-Kästner-Str. 72, DDR-7030 Leipzig.

**Adresŝanĝo Pignatelli**
Ek de tuj provizore validas la jena nova adreso:
Francesco Pignatelli, CP 568, I-35100 Padova

Ni bonvenigas novajn klubajn amikojn
Marinko Gijvoje, P.p. 5025, YU 41040 Zagreb-Dubrava
Li kolektas E-librojn k E-gaztojn.

D-ro Richard Wood, Southeast Missouri State University, English Department, Cape Girardeau, Missouri 63701
Li estas fama en interlingvistikaj rondoj, radio amatoro (vidu jarlibron de uea 80) kaj filatelisto. En UK de Stokholmo li prelegis pri "Tutmonda lingvopolitiko sur poŝtmarkoj".
Li serĉas multajn stampojn de lastaj jaroj, sed por ŝanĝo nur havas stokon da Portlandaj kovertoj.

Luis Vicino, Castro Barros 1433, C.P. 1237, Buenos Aires, Argentino
Li kolektas filatelaĵojn pri Esperanto, havas kelkajn duoblaĵojn de AR 5. Li interesiĝas pri maksimum-kartoj pri pentroarto. Maksimumkarto estas bildkarto, kiu montras saman bildon kiel la surgluita poŝtmarko (sur la bildflanko). Krome nepre la poŝta nuliga stampo devas havi rilaton al tiu motivo.

---

**Ni funebras**
Nia *Tóth, Pálne* ne plu estas, En Septembro 1980 la morto lin prenis por ĉiam el nia amika rondo.
Li ripozu en paco.

---












**Portreta stampo pri Platono**
Platono estis helena filozofo, disĉiplo de Sokrato kaj majstro de Aristotelo. Kaj li jam antaŭ 23 jarcentoj skribis: "La dioj favorus la homaron, se ili donacus al ĝi komunan lingvon".
Tiu penso estas aparte bonvena por nia E-filatelistoj, ĉar ni havas eblecon lokigi eĉ Platonon en nian filatelan ekspozaĵon pri Esperanto.
Nun aperis poŝta portreta stampo pri Platono, ne temas pri E-stampo sed tamen certe multaj havas intereson pri ĝi. Do, kiu ĝin deziras akiri, bv. sendi 2 IRK al Dr. Giso Brosche, DDR 7981 Rückersdorf.

**PO 30 ankaŭ kun fuŝdato (erara dato)**
Nia kluba amiko Bielak (ne "bialek") trovis plurajn PO 30 kun datoj 24.7.65 kaj 25.7.65. La aliaj datstampoj (18–23.7) ĉiuj posedas la ĝustan ciferon (7) por la monato julio. Eble ankaŭ inter viaj duoblaĵoj troviĝas tiaj pecoj?

**ELF–AREK**

**Prezidanto:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
Poŝtkonto: 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna

**Kotizo por 1981:**
15 validaj internaciaj respondkuponoj aú 30 svedaj kronoj.
La IRK devas havi maldekstre stampon de eldona poŝt-agentejo kaj ili ne estu pli "aĝaj" ol du jaroj.
La kotizon sendu al s-ro Paulsson.

**Stampobanko:**
Werner Heimlich, D-304 Soltau, Fröbelstr. 4
La stampobanko aĉetas novajn E-stampojn kun laútarifa afranko kontraú 1 IRK kaj ofertas multajn stampojn.

---

**Aperos nova stamposuplemento**
Kun la sekvonta informilo numero 51 ni sendos al niaj klubaj membroj la suplementon por nia stampokatalogo, eldonita 1978. Tiu suplemento enhavas ĉiujn stampojn aperintajn post la 1a suplemento.

**Nova glumarko el Nederlando**
Aperis glumarko pri la "Nederlanda Esperanto Kongreso 24–26.4.1981". Ili estas presitaj en folietoj kun po 4 markoj. Ekzistas 4 tipoj: supre vidita teksto aperas en ruĝa, nigra, verda kaj blua. La glumarkojn designis H.F. Menges, kreinto de multaj grafike bone aranĝitaj glumarkoj el Nederlando.

**Mallaúta memorigo**
Per tiu ĉi numero de nia informilo finiĝas via membreco en nia klubo. Se vi volas, vi povas renovigi ĝin. Tiukaze bonvolu sendi al nia amiko Paulsson en Solna la kotizon. Nia membrolisto momente enhavas 92 nomojn. Tamen, de 22 mankas la kotizoj por 1980. Certe tiuj ne miros, se ni nun definitive purigas nian membroliston.
Eblecon, iel pagi la kotizon, ĉiu havas. Nia banko akceptas stampojn, Wluka esperantaĵojn ĉiuspecajn, Paulsson ankaú librojn. Sed: necesas ĉiam antaua interkonsento.

**Pardonpeto de redaktoro**
Preparlaboroj por Esperanto-Ekspozicio en kadro de granda ekspozicio pri agado de Kulturligo de GDR, kaj por organizi la 3-an Centran Konferencon (6a-kongreso) de esperantistoj en Kulturligo de GDR malebligas ĝis majo 1981 akuratan korespondadon kun niaj klubaj geamikoj. Havu paciencon!



Agrablajn festotagojn kaj feliĉan novan jaron 1981 deziras al niaj klubaj geamikoj viaj

| | |
|---|---|
| Ivar Paulsson<br>Prezidanto | Rudolf Burmeister<br>Redaktoro |



La Nova Jar' al vi proponu
Ĝojon kaj Kontenton,
Kaj abunde al vi donu
Tre bonfartan senton.